# Etnismo

N-RO 18 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 22.03.78




## NEDERLANDO NE LIBERIĜAS DE SIA ŜARĜO

LINGVOJ EN INDONEZIO KAJ MOLUKANOJ EN NEDERLANDO, paĝoj 3 - 8

**JOSE ANTONIO DE AGUIRRE Y LECUBE,** prezidento de la aŭtonoma respubliko de Eŭzkadio havas posteulon: **RAMON RUBIAL** estas elektita prezidento de la Vaska Ĝenerala Konsilio.



En la paĝoj 17 - 19 ni priskribas la cirkonstancojn de la elekto kaj prilumetas la perspektivojn.

__Krome en tiu ĉi numero:__





GROENLANDO petas parolon! La enlandanoj ne plu obeas pasive al la danaj postuloj. Jam estas fiksita la dato de la ekfunkcio de la groenlanda aŭtonomio. (Paĝo 2)





# GROENLANDO-AKTUALE

## VENKO EN LA "NIGRA ANĜELO"

La groenlandaj laboristoj en la dan-kanada plumbo- kaj zinkominejo "Nigra Anĝelo" de Marmorilik (5oo km norde de Holsteinborg) rekomencis labori la 1-an de novembro 1977. La groenlanda laborista organizo GAS atingis, per 14-taga striko, ke la groenlandaj laboristoj en tiu entrepreno ricevos saman salajron kiel iliaj danaj kolegoj. Tiu striko estis la unua indiĝena aktiveco de tia formato. La nespertaj groenlandaj laboristoj devis batali kontraŭ spertuloj de granda konzerno, kontraŭ malsolidareco de danaj laboristoj kaj danaj labor-organizoj kaj kontraŭ malbonvolo de la danaj ŝtataj instancoj. La "kolegan" malsolidarecon ili neniigis per blokado de la transporta sistemo sur la kampo de la minejo. Malhelpo por la groenlandanoj estis la fakto ke la ĉefo de GAS, OdaK Olsen, ĉiam devis vojaĝi al Kopenhago por intertraktado kaj do mankis surloke. La raportado de gravaj danaj gazetoj estis valora subteno por la strikantoj pro diskonigo de la groenlanda vidpunkto inter la dana publiko.

## SUKCESO DE GROENLANDAJ FIŜISTOJ

Kalkuloj pri 1977 dokumentas ke la groenlandaj fiŝistoj estis ege bonŝancaj kaj diligentaj: Ili povis pliampleksigi sian kaptitaĵon per 66 % marborde kaj per 43 % oceane, kompare kun 1976.

La ĉi-apuda foto ne montras la solan metodon de moruo-kaptado. Tamen, unuopulo sukcesas elakvigi, tra la glaci-truo, 2oo - 3oo kg da fiŝo dum unu sola tago! La ĉefa mar-rikolto estas la salikokoj, kiuj estas grava eksportaĵo.



Kiam Danlando en 1972 63-procente voĉdonis favore al aliĝo al la Eŭropaj Komunumoj, Groenlando voĉdonis 75-procente kontraŭ la propono prave timante ke la aliaj ok nacioj forkaptos tute laŭleĝe la martrezorojn de la groenlandaj bordoj.

La fiŝkapta ŝiparo estas pli kaj pli modernigata por povi konkurenci kun la alinaciaj.

## ALTA SUBTENO KAJ MEMADMINISTRADO POR GROENLANDO

En sia novjara parolado la dana reĝino nomis la groenlandanojn POPOLO. Per tio ŝi nerekte kontraŭis la ĝisnunan starpunkton de la propra registaro, kiu volis neniigi la groenlandan argumentadon, ke ili kiel popolo, kiel etno, havas la rajton disponi pri la riĉaĵoj en la groenlanda grundo. La groenlandanoj bazis siajn postulojn sur ĉi-tema konvencio de Unuiĝintaj Nacioj. - La dan-groenlanda komisiono pri memadministrado finis sian laboron, kaj la rezulto estis publicita la 13-an de januaro 1978: La groenlandanoj transprenos grandan parton de la propraj aferoj, mankas la plena decidorajto pri la mineralaj riĉaĵoj. La granda dato de komenciĝo de memregado estos la 1-a de majo 1979.

* * * * * *

# LINGVOJ EN INDONEZIO

## DE SENDEPENDIĜO AL SUBPREMO

"Indonezio estas mult-lingva lando. Taksoj koncerne la nombron de indiĝenaj lingvoj kaj dialektoj uzataj en la lando etendiĝas inter 25o (Kahler, 1956) kaj 418 (Lembaga Bahasa Nasional, 1972)." (1) Nu, dum la specialistoj ne proksimiĝas al certeco pri la nombro de lingvoj nek povas indiki nombrojn de parolantoj, ankaŭ ETNISMO ne pretendas tion fari. Do, ni bazas nin sur la informoj riceveblaj, parte post longa serĉado. La skiza mapeto kaj la tabelo en paĝoj 4 kaj 5 prezentas provon por peri ideon pri la mult-lingveco de tiu ŝtato.

Antaŭ ol prezenti kelkajn aspektojn de la socilingvistika situacio de la plurmil-insula ŝtato jen malmultaj bazaj informoj/memorigoj pri ties geografio kaj historio:

La teritorio de 1.919.27o kvkm etendiĝas proksimume 5.ooo km de okcidento al oriento kaj 1.8oo km de nordo al sudo. (Kompare: Tuta Eŭropo ampleksas 1o.515.83o kvkm kaj longas nord-sude pli ol 4.ooo km, dum ĝi larĝas okcidente-oriente proksimume 5.ooo km. Francio okupas iomete pli ol kvaronon de la indonezia teritorio.) Laŭ takso de Unuiĝintaj Nacioj el 1976, Indonezio havas 139.62o.ooo enloĝantojn. (Tuta Eŭropo: 66o.ooo.ooo, Francio: 52.92o.ooo) La statistika loĝ-denseco tre trompas, kiel kutime: En okcidenta Nov-Gvineo 2 homoj vivas en 1 kvkm, dum en Javo kaj Maduro sama tereno enhavas inter 5oo kaj 8oo! Tiel rezultas statistika denseco de 72 homoj en ĉiu kvadrata kilometro. - Portugaloj kaj hispanoj dum la 16-a jarcento okupis partojn de Borneo, Nov-Gvineo kaj aliaj insuloj, kaj nederlandanoj ĉirkaŭ 16oo instalis pli kaj pli da kolonioj. Antaŭ la eŭropanoj estis venintaj persoj, hindoj kaj araboj, kiuj alportis siajn religiojn, lingvojn kaj aliajn kultur-influojn. La insularo restis nederlanda kolonio ĝis 1942, kiam Japanio okupis la plej grandan parton. En 1945, tolerate de la okupaciantoj, la indonezia nacia movado proklamis la respublikon kaj Sukarno estiĝis prezidento. Nederlando batalis kontraŭ la nova reĝimo, parte sukcese, helpe de indiĝenoj, precipe molukanoj. En 1948 oni subskribis armisticon kaj en 1949 la Unuiĝintaj Ŝtatoj de Indonezio akiris la plenan suverenecon. Jam la sekvantan jaron la provizora konstitucio transformis la federacion en centrisman ŝtaton, kiu longan tempon estis sub atakado fare de plej diverstendencaj movadoj (dekstruloj, komunistoj, federaciistoj). Sukarno foriĝis en 1967, pro komunismemo, kaj generalo Suharto estas prezidento depost 1968. La parlamento enhavas diputitojn parte "direktitajn", parte nomitajn fare de la registaro.

## ĈU AZIA ‹ESPERANTO› KONTRAŬ ETNOJ?

Indonezio ankoraŭ estas formiĝanta, socie kaj ŝtate, kion substrekas la aneksado de okcidenta Nov-Gvineo (1963) kaj iam portugala Timoro (1976) kaj la jen kaj jen okazantaj ribeloj ie en la grandega teritorio, same kiel la diktaturo. La naciiga procezo enhavas, kiel en aliaj landoj, tre gravan faktoron: la komunan lingvon. La specialaĵo, tamen, estas ke tiu ĉi lingvo <u>ne</u> ekzistis en pli-malpli definitiva formo, sed estis kaj ankoraŭ estas kreata surbaze de la malaja dialekto parolata norde de Singapuro kaj en la Riaŭoj, mikse kun amaso da leksikaj kaj morfologiaj influoj de la nederlanda, angla kaj indoneziaj lingvoj, precipe de la java kaj sunda. Tiu ĉi idiomo, akcelata precipe depost 193o, konatiĝis tra la mondo kiel "Bahasa Indonesia", t.e. "indonezia lingvo". Ĉar tiu ĉi termino povas soni simile imperiisma kiel "hispana" lingvo (anstataŭ kastilia), ni eksperimente uzos la neologismon **"bahaso"** por nomi tiun ŝtate propagandatan, oficialan lingvon de **Indonezio.** La baldaŭ leviĝantan demandon pri la nombro de denaskaj bahaso-parolantoj ne eblas respondi: Oni trovas indikon, preskaŭ senvaloran, ke en Malajzio kaj Indonezio ĝin parolas denaske proksimume 2o milionoj; tamen, la malajzia formo ne vere identas kun la indonezia ....




En la vid-al-vida tabelo
la asteriskoj signifas:

* ne instruata en elementaj lernejoj

** instruata en tiaj lernejoj

*** instruata en tiaj lernejoj kaj uzata por publicado de presaĵoj

L I S T O  D E  I N D O

| | lingvo-nomo | regiono | nombro de parolantoj | statuso | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | java | centra k. or. Javo | 60.000.000 | *** | 27 |
| 2 | sunda | okc. Javo | 20.000.000 | *** | 28 |
| 3 | minanga | centra Sumatro | 5.000.000 | * | 29 |
| 4 | djakarto-malaja | nordokc. Javo | 4.500.000 | * | 30 |
| 5 | madura | Maduro | 4.000.000 | *** | 31 |
| 6 | deli-malaja | norda Sumatro | 4.000.000 | * | 32 |
| 7 | riaŭ-malaja | Riaŭoj k. okc. Borneo | 2.000.000 | * | 33 |
| 8 | banjar-malaja | suda Borneo | 2.000.000 | * | 34 35 |
| 9 | balia | Balio | 2.000.000 | *** | |
| 10 | bugisa | suda Celebo | 2.000.000 | ** | 36 |
| 11 | aĉeha | norda Sumatro | 1.700.000 | * | 37 38 |
| 12 | bataka | kiel 11 | 1.500.000 | * | |
| 13 | sasaka | Lomboko | 1.500.000 | ** | 39 |
| 14 | minahasa | norda Celebo | 1.500.000 | * | 40 41 |
| 15 | jambi-malaja | or. Sumatro | 1.500.000 | * | 42 43 |
| 16 | moluk-malaja | centraj Molukoj | 1.000.000 | * | 44 |
| 17 | gorontala | norda Celebo | 491.000 | * | 45 46 |
| 18 | davana | ? | 400.000 | * | 47 |
| 19 | kutaja | or. Borneo | 387.000 | * | 48 |
| 20 | niasa | Niaso | 375.000 | ** | 49 |
| 21 | timora | Timoro | 358.000 | * | |
| 22 | bima | or. Sumbavo | 324.000 | * | 50 |
| 23 | ngada-endea | or. Floro | 323.000 | * | 51 |
| 24 | toraja | centra Celebo | 317.000 | * | 52 |
| 25 | sumba | Sumbo | 292.000 | * | 53 |
| 26 | sumbava | Sumbavo | 244.000 | * | |

## ONEZIAJ LINGVOJ

| lingvo-nomo | regiono | nombro de parolantoj | statuso |
|---|---|---|---|
| gajoalasa | norda Sumatro | 230.000 | * |
| talaŭda | Talaŭdo | 230.000 | * |
| belanga-mongondova | nordor. Celebo | 212.000 | * |
| bengkulua | suda Sumatro | 206.000 | * |
| rejanglebonga | kiel 30 | 160.000 | * |
| muna | sudor. Celebo | 154.000 | * |
| halmahera | suda Halmahero | 150.000 | * |
| lamahalota | ? | 150.000 | * |
| kerincia | suda Sumatro | 150.000 | * |
| mundara | suda Celebo | 150.000 | * |
| sika | Floro | 120.000 | * |
| bulongona | norda Celebo | 120.000 | * |
| mangaraja | Floro | 120.000 | * |
| kaja | Kajoj | 109.000 | * |
| kupanga | Timoro | 100.000 | * |
| selajara | ? | 100.000 | * |
| irianjaja | okc. Nov-Gvineo | 100.000 | * |
| kalimantana | Borneo | ? | ? |
| otdanuma | Borneo | ? | ? |
| kenjabahaŭa | Borneo | ? | ? |
| letia | Timoro | ? | ? |
| ambelama | Ambono | ? | ? |
| sula-batjana | Suloj k. Batjano | ? | ? |
| nord-halmaheraj lingvoj | norda Halmahero | ? | ? |
| melaneziaj lingvoj | Japeno k. Biako | ? | ? |
| tanimbara | Tanimbaroj | ? | ? |
| vetara | Vetaro | ? | ? |

La bahaso, kiel oficiala lingvo, estas la lerneja esprimilo tra la tuta ŝtato, kvankam la infanoj hejme parolas, en multaj kazoj, tre diferencan lingvon. Dum la "Radio de la Respubliko Indonezio" uzas la bahason, regionaj radiostacioj ankaŭ utiligas la respektivajn regionajn lingvojn, tamen precipe por leĝeraj programoj. La etnajn lingvojn oni trovas ankaŭ en la plej malalta nivelo de la administracio publika. - Kiel la tabelo evidentigas, la grandega plimulto de la etnaj lingvoj de Indonezio estas klare diskriminaciataj per la ne-instruado en lernejoj kaj la ne-uzado kiel normala, integra esprimilo de la homoj. (Jen kaj jen, ekzemple en la timora lingvo, okazas ke ekzistas libroj en iu lingvo ne instruata en lernejoj.) Unu el niaj informintoj diris ke ĝenerale oni supozas ke iom post iom la "malgrandaj" lingvoj formortos, kaj ŝajnas ke ankaŭ certaj intelektuloj tiun tendencon akceptas favore al la bahaso kiel unueciga elemento. Tamen, eksterulo ne povas ne havi la impreson ke la mort-verdikton oni decidas laŭ kriterioj de ĝenerala politika batalo: Ĉu, ekzemple, la minanga lingvo (numero 3 en la tabelo) parolata de 5 milionoj da homoj estas "malgranda"? Ĉu la malajaj dialektoj, la iama "lingua franca" de la tuta insularo, menciitaj sub la tabelnumeroj 4, 6, 7, 8, 15 kaj 16, kun proksimume 15 milionoj da parolantoj, estas sufiĉe "malgrandaj" por esti kondamnitaj al malapero? Tiu sama informinto juĝas ke en Indonezio ne troveblas inter-regionaj streĉitecoj pro lingvaj motivoj, sed ke la disputoj kaj problemoj estas kaŭzitaj de transmigrado de unu regiono al alia. Nu, tio povas esti tre preciza: Se anoj de unu etno, ekzemple javano aŭ sundano aŭ madurano, grandnombre ekloĝas inter alietnanoj, ekzemple molukanoj aŭ bugisanoj, la "gastigantoj" suferas malgrandiĝon de la propra kultur-tereno pro la trudado de pli "prestiĝa" lingvo (ĉu la bahaso, ĉu la java aŭ alia "granda"). Supozeble kontraŭstaro al la enradikigo de la bahaso estas konsiderata nuntempe de Suharto kiel antaŭe de Sukarno kiel paŝo kontraŭ la unueco de la indonezia ŝtato --- fenomeno sat-konata el eŭropaj centrismaj ŝtatoj! (2)

Aparta ero en la lingva kalejdoskopo de Indonezio estas la ekzisto de 2.750.000 ĉinoj, el kiuj preskaŭ la duono estas indoneziaj civitanoj, kvarona miliono estas civitanoj ĉu de la Respubliko Ĉinio, ĉu de la Popola Respubliko Ĉinio, kaj pli ol miliono ne posedas civitanecon. Ĝis 1965 ekzistis ĉin-lingvaj lernejoj, laŭ nia menciita informinto, pekintendencaj. Nuntempe la ĉinoj disponas nek pri propraj lernejoj nek pri ĉinlingvaj publiciloj. Pli ol triono de la ĉinoj ankoraŭ uzas, private, sian etnan lingvon, dum la aliaj laŭdire transiris al la respektiva regiona lingvo kaj al la bahaso.

# MOLUKANOJ - SUBPREMATOJ EN DU REGNOJ

Unuarigarde la moluka problemo estas simple unu el la multaj nesolvitaĵoj de Indonezio same kiel tiuj de aliaj tiu-ŝtataj etnoj. Sed baldaŭ la penetranto komprenas ke la moluka problemo estas plur-faceta, plurnivela, kaj ke ĝi havas aliajn dimensiojn ol tiuj de Sumatro kaj Celebo.

La Molukoj (Morotajo, Halmahero, Ternato, Batjano, Obio, Sulo, Ceramo, Ambono, Buruo kaj amaso da malpli grandaj insuloj) ampleksas 74.505 kvkm (Nederlando: 40.844 kvkm). La nederlanda koloni-armeo apogis sin vaste sur la helpon de la molukanoj, precipe ambonanoj, por batali kontraŭ la Sukarno-sistemo inter 1945 kaj 1949, pro kio la molukanoj prave timis persekutadon sub suverena Indonezio kaj proklamis en aprilo 1950 sian "Republik Maluku Selatan", t.e. la Sud-Molukan Respublikon. La apartiĝo malsukcesis kaj dekmiloj da molukanoj, t.e. soldatoj kaj ties familioj, translokiĝis al Nederlando. Tiu ĉi ŝtato certe ne imagis importi tiel problemon kiu ĝenos ĝin dum pluraj jardekoj. La intenco estis integrigi la molukanojn en la nederlandan socion laŭ la moto "Estu bonaj civitanoj kaj ĉiuj problemoj estos solvitaj!".

# NEDERLANDO DETRUAS NIAN IDENTON


Elias Rinsampessy dum la intervjuo en sia loĝejo.

En junio 1977 ETNISMO parolis kun Elias Rinsampessy, 30-jara antropologo de la universitato de Nijmegen kaj kunlaboranto de "Gerakan Pattimura", t.e. "Pattimura-Movado"(3). Li naskiĝis en Timoro, sed liaj gepatroj estas aŭtentikaj molukanoj de Ceramo respektive Ambono. (Cetere, multaj molukanoj vivas dise tra tuta Indonezio.) Li venis 2-jara al Nederlando. Jen partoj el la intervjuo en resuma traduko:

ETNISMO: Kiel la molukanoj vivantaj en Nederlando imagas du aferojn: sian estonton en tiu ĉi lando kaj la realigon de sendependa moluka respubliko?

RINSAMPESSY: La plejmulto de la 35.000 molukanoj de Nederlando deziri reiri al la Molukoj. Parto de la junaj molukanoj, al kiuj apartenas ankaŭ mi, celas esti aŭtentika ero de la nederlanda socio, t.e. integriĝi konservante sian etnan identecon. La aliaj apenaŭ havas politikan programon kaj preskaŭ ekskluzive propagandas sian sloganon "Kontraŭ la subpremado de la Molukoj!". Ni, male, ne volas enmiksiĝi en la aferojn de tiuj homoj vivantaj en la Molukoj.

ETNISMO: Kie vivas la nederlandaj molukanoj?

RINSAMPESSY: En malgrandaj kvartaloj de la plej diversaj urboj tra la tuta lando, sed precipe en la provinco Drento, ekzemple en Assen kaj Hoogeveen, sed ankaŭ en Almelo, Nijmegen, Maastricht kaj alialoke. La nederlandanoj fakte volis tute disigi ilin por pli facile integrigi ilin en la ĉi-landan socion. Sed ni volis resti laŭeble grandnombre kune. Tiel, la nuna situacio estas iusenca kompromiso.

ETNISMO: Ĉu la molukanoj havas proprajn lernejojn?

RINSAMPESSY: Ne. Same nia malaja lingvo ludas nenian rolon en la lernejoj! Niaj infanoj nek studas sian denaskan lingvon nek lernas per ĝi. Eĉ ili nenion ekscias pri la historio kaj kulturo de siaj antaŭuloj, sed lernas perfekte la nederlandan historion kaj eŭropajn lingvojn. Tiel kompreneblas la moluka kontraŭstarado al la nederlanda eduksistemo, kiu permesas al la infanoj de eksterlandaj laboristoj du-kulturan evoluon, sed malebligas ĉi tion al ni molukanoj.

ETNISMO: Kiel la molukanoj de Nederlando estas organizitaj?

RINSAMPESSY: Unuavice menciendas la plej granda organizo "Badan Persatuan", t.e. "Unuec-Movado", kiun gvidas inĝeniero Manusama, prezidento de la Sud-Moluka Respubliko. Ties junulara branĉo estas "Pemuda Masjarakat", t.e. "Libereca Sud-Moluka Junularo". La dua, ne tiel granda organizo estas la "General" sub gvido de "generalo" I.J. Tama Ela kiu same subtenas la ideon de la Sud-Moluka Respubliko. Krome ekzistas "Gerakan Pattimura", kiu estas nomebla "progresema", dum la aliaj grupoj estas dekstremaj. Tiu ĉi lasta organizo, relative malgranda kaj precipe gvidata de studentoj, laboras

ĝenerale favore al la forigo de subpremado en Indonezio kaj konsekvence kunlaboras kun aliaj rezisto-movadoj en tiu ŝtato. Krome ni pledas por la konservo de la etna identeco de la molukanoj en Nederlando.

(Dum la du-hora interparolado Elias Rinsampessy informis pri aro da detaloj de la etna situacio en Indonezio kaj en Nederlando. Ne eblas ĉion raporti ĉi tie.)

En Nederlando depost 1975 junaj molukanoj ripete efektivigis teror-atakojn kontraŭ trajnoj, lernejo, la indonezia konsulejo en Amsterdamo kaj - komence de marto 1978 - kontraŭ la provinca administracio en Assen. Pluraj homoj mortis, ĉu pro la pafado de la molukanoj, ĉu dum la liberigo fare de nederlandaj policistoj kaj soldatoj. La celo de tiuj atencoj estis minac-instigi la nederlandan registaron interveni ĉe la indonezia registaro favore al sendependiĝo de la Molukoj. La molukaj ekstremistoj akuzas la nederlandajn politikistojn pro perfido en 1950, kiam la iama koloni-sinjoro ne investis sufiĉan energion por defendi la ĵus fonditan Sud-Molukan Respublikon.

# KONKLUDE

1. Kiom ajn interesa estas la eksperimento de la bahaso kaj kiom ajn utila estas komuna lingvo, la indonezia ekzemplo substrekas la danĝeregon de lingva kaj kultura imperiismo kiel unu el la instrumentoj de centrisma reĝimo. La bahaso povus esti tre pozitiva faktoro por la ĝenerala evoluo de Indonezio, se ĝi ne kondukus al malrespektado kontraŭ la "malgrandaj" kaj aliaj etnoj de la insularo. Evidente oni nenion faras por protekti kaj progresigi tiujn etno-lingvojn.
2. Nederlando neglektas tute konscie la etnan personecon de la molukanoj kiuj, aŭ kies antaŭuloj, estis soldatoj kaj oficistoj de tiu ŝtato. Ne estas akcepteble ke tiu socio kiu prezentas sin kutime tiel liberala detruas la identecon de la molukanoj, dum tiu socio, malgraŭ hezitoj, agnoskas la etnan identecon de la frisoj. Estas komplete prave postuli vastajn eblecojn por praktiki - ankaŭ en la publikaj lernejoj - la molukajn lingvon kaj kulturon.
3. La molukaj teroristoj certe plimalfavorigas la situacion de sia popoleto anstataŭ atingi siajn celojn. Estas nuntempe absolute utopie postuli nederlandan intervenon ĉe la indonezia diktatoro, ĉar tiu ĉi nomus tian paŝon tuj enmiksiĝo en la internajn aferojn de Indonezio (io perfekte lernita de eŭropaj modeloj!). La sola vojo al ia kultura aŭtonomeco de la nederlandaj molukanoj ŝajnas esti tiu de paca influado al la nederlandaj civitanoj --- vojo postulanta multan paciencon.

Rimarkigoj:

(1) Citita el "Some sociolinguistic problems of Indonesia" de Amran Halim kaj A Latief, diskutkontribuaĵo multobligita, Singapuro, 1973, p. 29.
(2) La bedaŭrindaĵo estas, el nia vidpunkto, ke ne nur centrismaj reĝimoj sed sam-verve esperantistoj tiel rigardas la aferon: Simile kiel f-ino Gastón antaŭ kelkaj jaroj firme defendis la superregadon de la kastilia lingvo kontraŭ la kataluna, eŭskera kaj galega lingvoj sub la vidpunkto de la unueco de la nacio, tiel ankaŭ esperantisto el Indonezio respondis cirkuleron per la informo ke "En nia lando ne estas etnaj grupoj kaj nia registaro deklaras, ke ankaŭ ne ekzistas minoritatoj. Kion ni havas, estas triboj kaj tiuj ĉi triboj formas la nacion. Do, ne estas etnaj organizaĵoj." Ĉu Esperanto vere pliakrigas la vidon?
(3) Pattimura estis moluka rezist-movadano.

* * * * * * * * * * * * *

RENATO KORSETI

# KURDOJ - SILENTO ESTAS KONSENTO

Kurdoj estas tipa, tre tipa ekzemplo de etna malplimulto. Ili vivas en Turkio, Sirio, Irako kaj Irano. En ĉiu el tiuj ĉi landoj ili estas subpremataj kaj senigataj je ĉiuj rajtoj. Sufiĉas posedo de libro, disko aŭ bulteno en la kurda lingvo por iĝi malliberulo en ĉiuj supre menciitaj landoj, kies registaroj ankoraŭ ne kompetentas pri la fajnaj, ŝajne demokrataj metodoj, kiujn aplikas okcident-eŭropaj registaroj al siaj malplimultoj. En tiuj landoj oni simple malpermesas kurdecon. Fino.

Aliflanke pro la nunaj internaciaj ekvilibroj NENIU helpas - eĉ nur morale - kurdojn:

Usono kaj ĝiaj okcident-eŭropaj lakeoj amindumas kun petrolhavantoj kaj kun la irana imperiestro. Turkio, cetere, ĉiam estis unu el la kolonoj de NATO.

Sovetunio, kies malgranda kurda komunumo estas kompare bonfarta, kun propraj lernejoj, ĵurnaloj ktp., ludas sian alianc-ludon kun Irako kaj Sirio kaj do havas neniun intereson ĝeni tiujn registarojn. Komunistoj, ĉu "eŭraj", ĉu ortodoksaj, sekvas .....

Ĉinio mem serĉas aliancanojn en tiu regiono kaj flegas bonajn rilatojn eĉ kun la irana ŝaho.

La kurdoj, en la nuna momento, povas kalkuli nur sur propraj fortoj.

Ankaŭ pro tio, por spiti la silent-konsenton de la fortuloj, indas apogi la kurdan lukton.

Legantoj, kiuj deziras ricevi pliajn informojn pri la kurda problemo, turnu sin al la redakcio de ETNISMO.






•••••• limo inter ŝtatoj

ĉefa loĝregiono de la kurdoj

---

La ĉi-apuda map-skizo estas farita surbaze de modelo aperigita en "Koerdistan Informatie", 1975/1o, Amsterdamo.

# ALVOKO AL LA INTERNACIA PUBLIKO

Okaze de la 1o-a datreveno de la fondo de la itala sekcio de la Asocio de Kurdaj Studentoj en Eŭropo, la membroj kunvenintaj en Bolonjo (Italio) konfirmis sian decidon publike malkaŝi al la publiko la danĝeran staton de sia popolo, kiu estas disigita, subpremata kaj senigata de ĉia libereco fare de la turka, irana, iraka kaj siria reĝimoj, kiuj celas disperdigi ties membrojn kaj nuligi ties naciajn ecojn kaj ties ekziston.

La kurda popolo ne rezignos substreki sian ekziston kiel kvaran faktoron en la maŝrekaj landoj (1) kune kun la popoloj turka, araba kaj irana (2). Ĝi ne rezignos sian deziron pace vivi en reciproka agnosko de rajtoj je libereco, egaleco kaj demokrateco.

Ni, kurdaj studentoj, pro devo rilate nian popolon petas politikajn fortojn kunagi kun ni por malkaŝi kaj por bremsi la politikon de arabigo (en Irako kaj Sirio) efektivigatan en suda Kurdio kaj la politikon de turkigo efektivigatan en la turk-regata Kurdio. Ni malkaŝas krome la politikon de diskriminacio kaj de amas translokigo efektivigatan en orienta Kurdio fare de Irano kaj Irako.

N I  P E T A S ke oni plibonigu la kondiĉojn de kurdaj rifuĝintoj en Irano kiuj vivas laŭ la hazardoj de la ŝaha frenezo.

N I  P E T A S helpagadojn favore al sendomuloj en turkia Kurdio kiuj vivas tiel ek de la terura tertremo de 1976 kaŭzinta 7.ooo mortojn.

N I  P E T A S liberigon de aktivuloj kiuj estas en la malliberejoj de tiuj reĝimoj subpremantaj Kurdion. Ni emfazas ke niaj kamaradoj havas neniun kulpon krom la volo pri libero por la kurda popolo.

N I  M A L K A Ŝ A S, ankaŭ pere de la sekvantaj pruvoj, la politikajn mortigojn, la ekzekutojn kaj ĉiujn agresojn kontraŭ nia popolo kaj kontraŭ tiuj kiuj informas pri ties situacio ankaŭ eksterlande (ekzemple: pasintan jaron oni atencis kontraŭ I. Ŝ. Vanly en Lozano, Svisio).

===========

## I R A K A  K U R D I O

1) Arabigo estas efektivigata per enloĝigo de triboj j popolaj amasoj arabaj en la provincoj Ĥangino, Kirkuko kaj Sinjaro.
2) Kurdoj estas ali-loĝigitaj ekster siaj vilaĝoj cele al la efektivigo de la projekto de "araba zono" laŭ la irak-turka kaj irak-irana landlimoj; tiu zono estas proksimume 2o km larĝa. Evidentas la celo disigi la irakan kurdo-komunumon de ĝiaj fratoj en la aliaj landoj.
3) Kurdaj familioj estas perforte devigataj loĝi en arme-kontrolataj tendaroj, kie forestas ĉia libereco kaj kie oni malpermesas la tradician kurdan soci-strukturon.
4) Ekzistas registara plano por elmigrigi unu milionon da kurdoj al la suda parto de la lando.
5) La registara armeo masakris kurdojn malgraŭ la tiel nomata paca periodo en la lando. Ekzemplocele ni mencias la tragedion de Ŝaristeno, kie irakaj soldatoj mortigis aŭ vundis sen kialoj 5o homojn, inter kiuj estis pluraj knaboj. (En la originalo sekvas listo de 11 personoj inter 4 kaj 65 jaroj, el kiuj 4 estis dommastrinoj, 2 kamparanoj kaj 1 religia vilaĝestro.)
6) Jen kelkaj ekzemploj pri persekutoj kaŭzitaj de simplaj suspektoj pri simpatio al la revolucio de majo 1976:
   a) Husejn Abd-al-Ĥualeg el Amadija - kondamnita al 1o jaroj de mallibereco;

b) Mohamed Haĝi Horura - en malliberejo de 1976;
c) Hoŝar Mohamed Sadik - en malliberejo de 1976;
ĉ) 67 kurdoj estis arestitaj nur en la provinco Dahuk;
d) 1o kurdoj estis arestitaj per preteksto pri atenco kontraŭ la urbestro de Sulejmanio;
e) en la ĉirkaŭaĵoj de Helbaja, komence de aŭgusto 1977, registaraj armeanoj arestis proksimume 5oo kurdojn, el kiuj 16 estis poste murditaj. Tion oni scias ĉar familianoj ricevis la 16 kadavrojn. Oni nenion scias pri la ceteraj arestitoj.



---

La ĉi-paĝa foto, "pruntita" el "Koerdistan Informatie", 1975/9, kaj disponigita rekte de la iraka presagentejo INA, dokumentas la humiliĝon de kapitulacintaj kurdaj soldatoj antaŭ la irak-registaraj, en marto 1975. La kurdoj "pruvas sian lojalecon" per elmontro de foto-afiŝoj de la iraka ŝtatestro generalo Al-Bakr kaj de alia iraka politikisto.

---

## S I R I A   K U R D I O

Ankaŭ en Sirio la situacio de la kurda popolo estas drameca.

1) Ekzistas neniu etna rajto (pri lingvo, lernejoj, ĵurnaloj, revuoj, libroj).
2) Oni luktas por haltigi, kaj eble nuligi, la faman planon pri "araba zono" en la regiono de Alĝazira. Temas pri zono longa je 37o km kaj larĝa je 2o km laŭ la siri-turka landlimo.
3) 1oo.ooo kurdoj estis senigitaj je civitaneco kaj elmigrigitaj de siaj vilaĝoj ek de 1962.
4) Nun la registaro estas ŝanĝanta la nomojn de kurdaj vilaĝoj (en la distrikto Afrin) en arabajn nomojn. Ekzemple:

| kurda nomo | araba nomo | kurda nomo | araba nomo |
|---|---|---|---|
| Kortke | Al-hufrah | Sewya | Al-yatimah |
| Dargre | Da-al-kabir | Tu-rnde | Al-zarifah |
| Ali-kara | Al-al-atraŝ | Mattina | Al-doha |

(En la originalo sekvas 6 pliaj kazoj.)

5) Kurdaj aktivuloj ankoraŭ estas en siriaj malliberejoj depost aŭgusto 1973 sen proceso. Kelkaj el ili estas: Daham Miro, Nazir Ŝamsedin, Kanan Agid, Amin Ŝeĥ Golin, Abdala Mla Ali, Ĥaled Maŝaiĥi, Mohamed Lagi.

## I R A N A   K U R D I O

Tiu parto de Kurdio kiun okupas Irano estas regiono postrestinta kaj ekonomie kaj socie. Ĝi, pli ol aliaj regionoj, estas submetita al polica kaj

armea reĝimo. Ĝiaj enloĝantoj estas submetitaj al grandskala kontrolo en ĉiuj kampoj, tiel ke ili estas devigitaj asimiliĝi aŭ izoliĝi.

1) Ekzistas neniu etna rajto por la kurda popolo. La kurda lingvo estas malpermesita.
2) La situacio de irakaj kurdaj rifuĝintoj estas tragedia. Ili estis proksimume duona miliono. El tiu nombro la duono estis redonita al la bagdada reĝimo. Inter tiuj redonitaj en januaro 1976 kelkaj estas en irakaj malliberejoj kaj atendas ekzekuton. Ili estas: Ŝihar Ŝeĥ Nuri, Omar Said Basmala, Arsalan Babiz, Ali Hira, Aŭat Abdalaziz, Ĝaafar Abdalŭahab.
3) La restintaj rifuĝintoj loĝas dise en suda Irano.
4) Al ili oni ne aplikas la statuson de rifuĝintoj kaj la rilatajn rajtojn.
5) Ne eblas kontakti kun ili nek por iliaj parencoj, nek por la Ruĝa Kruco, nek por la Supera Komisariato pri Rifuĝintoj de Unuiĝintaj Nacioj.
6) La rifuĝintoj estas devigitaj informi la instancojn pri ĉiu ricevita letero kaj estas malpermesite al ili kontakti eksterlandanojn.

## T U R K I A   K U R D I O

De tempo al tempo la faŝisma kaj reakcia reĝimo de Ankaro dekretas sieĝstaton en kurdaj provincoj, forrazas vilaĝojn, terorumas per arestoj, torturoj kaj murdoj kontraŭ nia popolo. Ĉio ĉi celas bremsi kaj bati la kreskantan progreseman kurdan movadon.
Tamen, kiam okazas tertremoj, la turka registaro abrupte malhavas homojn kaj rimedojn sendendajn al la kurdaj regionoj, malgraŭ la amasaj eksterlandaj helpoj (kiuj malaperas survoje). Oni lasas homojn morti sub domruinoj, oni lasas postvivintojn senhelpaj en la terura vintra klimato, kiu atingas malvarmon de 20 gradoj sub nulo. Tamen oni pluarestas.
22 turkiaj kurdoj estis kondamnitaj je punoj de 7 ĝis 15 jaroj de malliberecо surbaze de la artikoloj 141 kaj 142 de la turka konstitucio pro "klopodoj detrui la turkan nacian senton per propagando". (Sekvas, en la originalo, la listo de la 22 nomoj.)

============

Per la malmultaj menciitaj ekzemploj klaras la situacio de nia popolo. En aliaj historiaj periodoj ĉio ĉi estus nomata GENOCIDO. Ni opinias ke estas senutile memorigi ke malpermeso de lingvo kaj evoluo de difinita kulturo, arestoj kaj murdoj de homoj pro nura aparteno al difinita etna grupo, estas jam sufiĉa kialo de la krimo de GENOCIDO.
Al tio ĉi oni devas aldoni la diserigon de la origina teritorio de nia popolo inter kvar malsamaj landoj, la sisteman planon pri deportado kaj diserigo, la malpermeson de ĉia kontrolo fare de internaciaj instancoj, la ekonomian diskriminacion, la kapton de ĉiu okazo por terorumi.

Ja eŭropanoj devus scii ke tio sufiĉas kaj eĉ troas. Pasinte ili havis okazon sperti similajn situaciojn pro reĝimoj, kiuj vivas en la popola memoro nur malbeno-cele. La geografia malproksimeco ne estu preteksto.

Ni, la **KURDA POPOLO**, petas helpon de ĉiuj liberaj homoj kaj de ĉiuj iliaj organizaĵoj por ke ĉiu levu sian voĉon kune kun ni.

Ĝenovo, 30.11.1977 — Asocio de Kurdaj Studentoj en Eŭropo

Itala sekcio

---

(1) La tradukinto de la ĉi-supra dokumento, Renato Korseti, sugestas la terminon "maŝrekaj landoj" por anstataŭigi la kutiman "mez-orientaj landoj". "Maŝrek" estas la araba vorto, per kiu la koncernata regiono estas nomata. Fakte, "mez-oriento" estas tipe eŭrop-centrisma nocio kaj certe en internacia pensmaniero senrajta.
(2) Tie, tamen, ne nur gravas turkoj, araboj, irananoj kaj kurdoj, sed same judoj, armenoj, novarameoj kaj "sud-kaŭkazaj" etnoj!

* * * * * *

# INTERVJUO KUN
# DIRK WILLKOMMEN



Jam dum pluraj jaroj aperas en la paĝoj de tiu ĉi informilo artikoloj de du specialistoj pri, respektive, norda kaj sudorienta Eŭropo. Ili prezentis - kaj certe prezentos - tiom da interesa materialo ke miaopinie necesas kaj utilas konatiĝi al la legantoj iom da persona fono de tiuj kunlaborantoj. Jen vi legu intervjueton kun la "nordulo" de nia redakcio, kaj en sekvanta numero mi prezentos al vi la balkaniston.

ujm

ETNISMO: De kiam vi okupiĝas pri minoritataj problemoj? Kiel vi ekkontaktis tiun ĉi problemaron?

DIRK WILLKOMMEN (DW): Minoritataj problemoj min ektuŝis jam en junaĝo, ĉar mi naskiĝis /en 1939/ sur la insulo Sylt en la plej norda parto de la germana federaciana lando Schleswig-Holstein. En mia regiono vivis tri popol-grupoj, ĉiu kun sia propra lingvo, kune kaj unu apud la aliaj. Mi memoras ke kelkaj kamaradoj forlasis mian lernejan klason por iri en la novekonstruitan danan lernejon kaj kelkaj el miaj lernejaj kamaradoj partoprenis kurson por ne forgesi sian frisan lingvon. Mi memoras ankaŭ la postmilitajn ondojn, kiujn kaŭzis nova ekflamo de la lukto inter daneco kaj germaneco en mia landoparto. La ondoj glatiĝis kaj la deklaroj de la dana kaj la federaci-germana ŝtatoj en la jaro 1955 donis esperoplenan elrigardon al la estonteco. La konflikto inter la pli grandaj nacioj okupis la mensojn tiom ke la malgranda frisa grupo eĉ ne pensis pri propra starpunkto.

ETNISMO: Ĉu vi koncentris, limigis vin al tiuj du etnoj, danoj kaj frisoj?

DIRK WILLKOMMEN: Precipe tiuj du minoritatoj estis en mia vido, kaj komprenebIe aldoniĝis la germana minoritato en apuda Danio. Pro mia studado de nordaj, skandinaviaj lingvoj aldoniĝis tute nature la minoritatoj en tiuj landoj. Sed mia interesiĝo pri la problemaro ankaŭ kaŭzis ke mi direktis mian atenton ĉien, kie oni renkontas tiujn problemojn, kaj ne multaj partoj de la mondo estas liberaj je ili!

ETNISMO: Ĉu vi spertis la vivkondiĉojn de etnaj minoritatoj, krom la menciitaj, surloke? Ĉu vi vizitis iujn problem-regionojn?

DIRK WILLKOMMEN: La spertojn, kiujn mi ja havas de mia hejma regiono, mi provis kompletigi per la vizitado de aliaj regionoj en kiuj vivas minoritatoj, per interparoladoj kun la homoj kaj ekkonado de iliaj starpunktoj kaj cirkonstancoj. Mi vizitis la diversajn landojn en norda Eŭropo kaj tie kontaktis la minoritatajn popolojn, sed mi vizitis ankaŭ aliajn regionojn kiel Belgion, Alzacon, Katalunion, okcidentan Frislandon kaj vidis ankaŭ Nordafrikon dum la kolonia tempo, same Angolon. Krome mi partoprenis en kongresoj kaj renkontiĝoj pri regionaj kaj minoritataj problemoj, faris prelegojn kaj estris laborgrupojn.

ETNISMO: Dirk, vi doktoriĝis en februaro 1977. Pri kiu temo vi laboris kaj ĉu via interesiĝo pri etnaj minoritatoj estas harmoniigebla kun viaj studoj, kun via profesio?

DIRK WILLKOMMEN: Apud mia studado mi kunlaboris en projekto pri soci-empiria esploro de la germana minoritato en Danlando, en kies kadro mi prilaboris la parton de komunikado ...

ETNISMO: La rezultojn vi publikigis en ...

DIRK WILLKOMMEN: Jes ja, mi verkis, germanlingve, eseon pri la "Pozicio de la komunikado inter la membroj de la Unuiĝo de Germanaj Nordŝlesvigianoj" (1). - Mi ankaŭ praktikis kiel instruisto en lernejo de tiu ĉi minoritato. Kaj mia doktoriga disertacio prezentita ĉe la "Norda Instituto" de la universitato de Kiel priskribas la fonologion de la dana dialekto parolata en parto de mia hejmregiono. Ĝi estis ĝis tiam ankoraŭ ne science priskribita. Mia "doktoriga patro", do tiu profesoro kiun gvidis, akompanis min en la esploroj kaj verkado, estis d-ro Hofmann, kiu estras la "Frisan Vortaro-Instituton" ĉe la universitato de Kiel. Li multe helpis ke la frisa lingvo fariĝis stud- kaj ekzamenfako en Kiel kaj ke la "Vortaro-Instituto" ŝanĝiĝis, ĵus nun, en normalan "Frisan Instituton" kun propra katedrulo.

ETNISMO: Jam de kelkaj jaroj vi membras en la "Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj" kaj vi kontribuadas al ETNISMO. Ĉu vi aktivas krome en iuj tiukampaj asocioj, revuoj?

DIRK WILLKOMMEN: Jes, mi estas membro de la "Nordfrisa Instituto"(2), kaj mi kontribuas al diversaj gazetoj.

ETNISMO: Kiaj vi juĝas la eblecojn de A.I.D.M.L.K.?

DIRK WILLKOMMEN: La efik-eblecojn de tiu organizo kun la longega mallongigo mi vidas en kolektado de unuopuloj laborantaj en la kampo de minoritatoj, krome en kunordigado de la laboro por ĝia celo, en perado de informoj kaj materialoj, en atentigado de la publiko per parolo kaj skribo, per interveno ĉe oficialaj instancoj, per argumentado kaj klerigado.

ETNISMO: Dum kelkaj jaroj jam oni konstatas ondon de simpatio por minoritatoj, aperas multaj diskoj kaj libroj, artikoloj pri respektive en tiaj lingvoj, oni aranĝas kongresojn, seminariojn. Ĉu ĉio ĉi estas simple nova, ni diru: intelektula modo, aŭ ĉu vere ŝanĝiĝas la publika konscio en la direkto al etne determinita regionismo?

DIRK WILLKOMMEN: La regionismo, aŭ etnismo, kiu sentiĝas tra la tuta mondo, ŝajnas al mi elfluo de diversaj fontoj. Unue ĝi estas la lasta parto de la popola emancipiĝo-movado post la feŭda epoko, kiu kuntenis diversajn popolojn sub persona regado, kaj de la religiaj imperioj de la mezepoko /eŭropa/. La personan kaj religian imperiismon sekvis la emancipiĝo de la pli grandaj popoloj, kiuj siaflanke kreis popolan, nacian imperiismon. Ĝi samtempe koloniigis interne la malgrandajn popolojn kaj daŭrigis la koloniigadon de ekstereŭropaj popoloj. La malfortiĝo de la naciismo kaj de la eŭropaj imperiismaj ŝtatoj ebligis liberigon de la eksteraj kolonioj (kiuj siaflanke .....) kaj iom poste ankaŭ la emancipan movadon de la internaj malpli fortaj etnoj, kiuj antaŭe estis subiĝintaj al la forto kaj fascino de la pli grandaj popoloj. Aldoniĝas kiel dua fonto la ĉiama bezono de la homoj pri hejmsento, la sento aparteni al superrigardebla homgrupo kaj sentebla hejmregiono, sento de kono kaj kontakto en regiono de ebla persona interkomunikado - korpe, sente, pense.

ETNISMO: Ĉu vi vidas en iu ideologio, de komunismo tra liberalismo ĝis konservativismo, preferon por centrismo, unuflanke, aŭ regionismaj, etnismaj solvoj, aliaflanke?

(Daŭrigo en paĝo 16)

# MISETNISMO!

François Fontan, en sia libreto "Ethnisme - vers un nationalisme humaniste" (1-a eldono en 1961, 2-a eldono ĉirkaŭ 1975), prezentas la ĉi-apudan mapeton por demonstri la disdividon de Eŭropo kaj najbaraj regionoj laŭ etno-regionoj.




Ĉu oni nomu tiun skizon intelektula ludo aŭ pragmatisma projekto? Ni ne arogas al ni la rajton tion decidi. Tamen, se oni faras tian mapeton el etnisma vidpunkto, oni almenaŭ ne neglektu serion da etnismaj faktoj: Feroanoj ne emas aliĝi al Islando; makedonoj insistas pri sia aparteco; sude de la provinco de Bozen/Bolzano tute ne vivas romanĉoj; en Trakio kaj Cipro ja ekzistas turkoj; en Sardio nombreblas, en Algero, proksimume 20.000 katalunoj; la luksemburgianoj certe ne sentas sin germanoj; Berlinanoj nek estas nek sentas sin nederlandanoj; en Italio forgesiĝas kroatoj, piemontanoj, albanoj, grekoj ..... Estas iom bedaŭrinde ke la etnismo estas tiel misprezentata fare de homoj konantaj la legitimajn postulojn de la etnoj.

* * * * * *

(Daŭrigo de paĝo 14)

DIRK WILLKOMMEN: Laŭ la spertoj de la monda historio, ĉiuj ideologioj tendencas al imperiismo. Toleremo estas verŝajne homa kvalito ekster la ideologioj. Ĝenerale, malcentriga demokratio, t.e. federalismo, ŝajnas esti la plej bona grundo por bona farto de la etnoj. Je kiel alta grado la minoritatoj ankoraŭ estas ludpilko de la "naciaj interesoj" de popoloj formantaj ŝtaton aŭ gvidantaj ĝin, montras ke tiuj etnaj minoritatoj ĝenerale vivas plej bone kiuj havas la apogon de sametna ŝtato ne malamika al la ŝtato en kiu vivas la minoritato.

ETNISMO: Kia estas la situacio de la minoritatoj en Federacia Respubliko Germanio? Kio estas farenda cele al konservado kaj, pli grave, antaŭenigo de la platdiĉa, la dana, la frisa?

DIRK WILLKOMMEN: Konsekvence de mia lasta diro, la dana minoritato havas la plej bonan pozicion el la minoritatoj en federacia Germanio. Ĝiaj bazaj postuloj estas plenumitaj; mankas nur plenumo de marĝenaj kaj eventualaj aktualaj postuloj. La stato de la frisoj verŝajne malrapide pliboniĝas, kio grandparte dependas de la konsci-stato de la frisoj mem. Multo estas ankoraŭ farenda. Laŭnombre la pozicio de la platdiĉa estas la plej bona, laŭkonscie la plej malbona. Postulenda estas laŭregiona altigo de la prestiĝo- kaj uzo-stato de la koncernaj lingvoj, instruado de kaj per la minoritataj lingvoj - ankaŭ al la "majoritato", uzebleco de la minoritataj lingvoj ĉie ĉe oficialaj instancoj, subteno per sciencaj institutoj kaj financa subteno al minoritataj aktivecoj, precipe en eldonado de libroj kaj instrumaterialoj.

ETNISMO: Dirk, vi ne menciis la polojn en la Rura regiono. Kio pri ili?

DIRK WILLKOMMEN: Al mi la problemaro de la poloj ne estas profunde konata. Antaŭ nelonge mi aŭdis, en la tria programo de "Nordgermana Radio", elsendon pri la germaniaj poloj. Laŭ tio, ilia nuna stato estas kontentiga, sed ... ĉu tio eble nur signifas ke oni ne plu ĝenas ilin? - Alia tre aktuala, tre urĝa temo estas la problemaro de fremdlandaj laboristoj en FRG.

ETNISMO: Por fini: Kiun starpunkton vi havas ĝenerale pri parolantoj de dialektoj, ekzemple en Germanio?

DIRK WILLKOMMEN: Dialekto estas, laŭ mia opinio, afero de <u>parola</u> komunikado. Ĝi donas al la lingvo hejmecan, lokigeblan koloron. Per sia regiona specifo ĝi donas precipe malraciajn, "kor"-proksimajn valorojn, sed ankaŭ precipe regionajn esprimeblojn, kiuj ofte mankas en oficiala superregiona lingvo. Oni ne hontu uzi ĝin por regionaj celoj, sed mi pridubas ke oficiala skribo kaj oficiala statuso estas dezirindaj. Pro fokusado al propraj apartecoj oni ne forgesu la komunajn valorojn kaj fortojn!

---

<u>Notoj:</u>

(1) La eseo de DW "Zur Stellung der Kommunikation bei den Mitgliedern des Bundes Deutscher Nordschleswiger" aperis en: Kai Detlev Sievers: Beiträge zur Frage der ethnischen Identifikation des Bundes Deutscher Nordschleswiger", Akademie Sankelmark, 1975, p. 133 - 156.

(2) "Nordfriisk Instituut" (Osterstr. 63, D-2257 Bredstedt/ Bräist) estas privata institucio okupiĝanta pri plej diversaj aspektoj de - precipe norda - Frislando, i.a. la lingva. Ĝia kvaronjara revuo "Nordfriesland" estas verkita preskaŭ ekskluzive en la germana lingvo.




# RUBIAL - PREZIDENTO !

## ĈU SOCIALISMO KONTRAŬ EŬSKERECO ?

Vendredon, la 17-an de februaro 1978, naskiĝis nova organo de aŭtonomio en Hispanio: la VASKA ĜENERALA KONSILIO (VĜK). Ĝi estis generita de la reĝa dekreto-leĝo de la 4-a de januaro 1978 kaj ampleksas 15 membrojn elektitajn pli-malpli proporcie al la rezulto de la unuaj parlamentaj balotoj de 15.06.1977 (komparu ETNISMO-n 16). Jen ili:

| Arabo | Gipusko | Biskajo |
|---|---|---|
| José A. AGUIRIANO, naskita en 1932, juristo, Socialista Partio de Eŭzkadio (sekcio de PSOE), deputito; | 3 José M. BENEGAS, 1949, advokato, SPE, diputito; | 1 Ramón RUBIAL, 1906, mekanikisto, SPE, prezidanto de la (tuthispania) PSOE, senatano; |
| Pedro MORALES, proksimume 50-jara, ĵurnalisto, Unio de Demokrata Centro, diputito; | 5 José A. MATURANA, 1949, advokato, SPE, diputito; | Juan IGLESIAS, 1911, SPE, senatano; |
| Jesús VIANA, 1942, ekonomiisto, UDC; | 4 Andoni MONFORTE, 1946, advokato, Vaska Nacia Partio, diputito; | 2 Juan AJURIAGUERRA, 1903, inĝeniero, VNP, diputito; |
| 8 Juan M. OLLORA, 1949, ekonomiisto, VNP; | Carlos SANTAMARIA, 1910, meteorologo, VNP; | 6 Mikel ISASI, 1932, teknikisto, VNP; |
| José Manuel LOPEZ DE JUAN ABAD, 1944, sociologo, sendependulo interkonsentita de PSE kaj VNP. | Juan M. BANDRES, 1932, advokato, Maldekstro de Eŭzkadio, senatano. | 7 Juan ECHEVARRIA GANGOITI, 1926, ekonomiisto, UDC, diputito. |

Resume: VNP - 5, SPE - 5, UDC - 3, ME - 1, 1 sendependulo.

Jam dum la embrieco de VĜK la du ĉefaj partioj, socialistoj kaj naciistoj anticipis la dilemon de la 17-a de februaro: Ili disputis pri la

prezidado en la Vaska Ĝenerala Konsilio. Ĉar interkonsento de tiuj du partioj ne okazis, la elekto promesis iĝi interesa. La Socialista Partio de Eŭzkadio kandidatigis eminentulon: la 72-jaran prezidanton de la Hispana Socialista Laborista Partio Ramón R u b i a l. Li aktivas en la sindikato Unio Ĝenerala de Laboristoj de 193o kaj membras en la socialista partio de 1932. Nuntempe li estas unu el la vicprezidantoj de la Senato. La Vaska Nacia Partio kandidatigis similgradan eminentulon: la 75-an prezidanton de tiu ĉi partio. Li politikas de 1929, ludis certan rolon dum la mallonga vivo de la aŭtonoma Eŭzkadio en 1936/37 kaj nun estas diputito: Juan A j u r i a g u e r r a. La multnombra publiko en la Diputejo de Gaztejzo (Vitoria), ĉefurbo de Arabo (Alava), majoritate jubilis aŭdante la rezulton de la voĉdono: Ajuriaguerra - 6, Rubial - 5, sindeteno/nevoĉdono - 4. La ĵurnalistoj kiuj povis vidi la nomojn skribitajn sur la voĉdonilojn asertas ke 4 socialistoj kaj 1 centristo voĉdonis por Rubial, 4 naciistoj, Bandrés kaj Echevarría Gongoiti por Ajuriaguerra, dum la du kandidatoj, 1 centristo kaj la sendependulo decidis nek por unu nek por la alia. La jubilo mortis per la informo ke - por gajni en la unua voĉdono - necesis plimulto de du trionoj! Do, oni efektivigis novan voĉdonon, en kiu kandidato bezonis nur la simplan plimulton. Rezultis en tiu ĉi kaj la sekvantaj k v i n voĉdonoj egaleco de 6 voĉoj kontraŭ 6 (sindeteno de la kandidatoj kaj la sendependulo). La publikon klopodis paciencigi trupeto da vaskaj muzikistoj. En la malfrua posttagmezo la VĜK-anoj o k a n fojon skribis nomon sur voĉdonilon. La rezulto jam estis antaŭkonata: La centristo Echevarría Gongoiti indikis ke nun li detenos sian voĉon. Efektive, Rubial gajnis per 6 voĉoj kontraŭ Ajuriaguerra, kiun fine subtenis nur liaj 4 naciistoj kaj Bandrés. Ĉi-lasta, reprezentanto de la balot-koalicio "Euskadiko Ezkerra", t.e. "Maldekstro de Eŭzkadio", estis verve atakita fare de du koalicianaj partioj "Komunista Movado" kaj "Organizo de la Komunista Maldekstro". Tiuj ĉi akuzis senatanon Bandrés kaj ties partion, "Euskal Iraultzarako Alderdia", t.e. "Partio por la Vaska Revolucio" (unu branĉo de E.T.A.), pro neinterkonsentita eknomo de Bandrés kiel VĜK-membro kaj pro ties ekskluziva voĉdonado por la kandidato de la Vaska Nacia Partio. Bandrés replikis ke lin gvidis ne klasismaj prijuĝoj, sed la VNP plej favore kondutis al ME koncerne la postenon de Konsiliano pri Justico aspiratan fare de E.I.A./Bandrés. - Aliaflanke la finfina sindeteno de Echevarría Gongoiti portis al li akrajn riproĉojn flanke de VNP, kiu suspektas paktON inter la socialistoj kaj centristoj sur pli alta ol eŭzkadia nivelo ...


AJURIAGUERRA


RUBIAL


BANDRES


ECHEVARRIA GONGOITI

Kiam Ajuriaguerra estis gratule ĉirkaŭbrakinta la ĵus elektitan prezidenton, Rubial vole-nevole videbligis, en sia unua paroladeto, minimume kvar gravegajn problemojn solvendajn fare de VĜK:

1. La prezidento de Eŭzkadio apelaciis al la komprenemo kaj pacienco de la vaskoj atendintaj dum pli ol 4o jaroj la restarigon de aŭtonoma Eŭzkadio, ĉar demokratio estas malfacila kaj malrapida. La substancaj kompetentecoj de VĜK estas elmarĉandendaj intertrakte kun la registaro de Madrido kaj kun la nunaj provincoj.



Manuel de IRUJO, eksministro de la Respubliko kaj nun la sola VNP-senatano de Nafaro, parolas, fine de marto 1977, ĵus post sia reveno el la 40-jara ekzilo, el la urbodomo de Lizaro (Estella).

2. Rubial manifestis sian firman intencon batali por la aliĝo de la "fratina" Nafaro (Navarra) al Eŭzkadio. Jen sanganta vundo! La centristoj de Nafaro, kontraŭ la sampartianoj el la aliaj tri vaskaj provincoj, sukcese insistis ĉe la komuna ĉefo Adolfo Suárez ke Nafaro ne "aneksiĝu" ne-demandite. Do, oni organizos referendumon por koni la popolan volon ... perfekte demokrate. Sed ĉi-kaze la demokratio kamuflas politikan matematikon: UDC havas klaran plimulton de voĉoj kaj seĝoj, koncerne la Diputitaron kaj la Senaton, en Nafaro (3 de UDC kontraŭ 2 de SPE respektive 3 de UDC kontraŭ 1 de VNP). Se ĉi tiu provinco apartenus al la aŭtonoma regiono de Eŭzkadio, UDC simple perdus unu "regnon", kiu cetere jam - pro la laŭdira fideleco al Franko - ĝuadas vastan, precipe financan aŭtonomecon. UDC ne gajnus, kompense, plimulton en Eŭzkadio.

3. La socialista prezidento invitis siajn konsilianojn flankenŝovi ideologiajn diferencojn. Bele. Sed ĉu la elektiĝo de Rubial ne estis la unua ideologiaĵo? Ĉu ne preferintus lasi, doni la prezidadon al la VNP kiel ĉefportanto de la ideo de Eŭzkadio kaj ties aŭtonomeco? Ĉu ne tiom necesas substreki la historian kontinuecon, post la "paŭzo"? La fondinto de VNP estas ankaŭ la kreinto de la vaska flago, sub kiu ĉiuj kolektiĝas; la prezidinto de la dummilita Eŭzkadio estis VNP-homo, José Antonio de AGUIRRE; la prezidanto de la ekzila registaro de Eŭzkadio estas VNP-homo.

4. Plej gravas tamen, el etnisma vidpunkto, ke la nuna prezidanto de la nova Eŭzkadio eĉ NE PAROLAS LA EŬSKERAN LINGVON. En intervjuo farita de la semajnrevuo "Cambio 16" al Rubial, tiu ĉi "konfesis" sian doloron pro la nescio paroli eŭskere kaj akuzis la VNP-aktivulojn, kiuj riproĉas tiun nekapablon al li, pro nelogikeco: VNP akceptas kiel membrojn ankaŭ homojn kiuj scipovas ekskluzive la kastilian !? ETNISMO estus pludemandinta lin: Ĉu VNP kandidatigas la nur-kastili-lingvulojn por tia posteno?

Pluraj vaskaj politikistoj - ne nur Ramón Rubial - pli ol unu fojon emfazis ke ili ne volas por sia regiono la "katalunan" solvon: Josep Tarradellas, prezidento de la ekzila registaro de Katalunio, interparolis rekte kun la Suárez-registaro kaj ... transprenis la prezidentecon de la restarigita "Generalitat" (kp. ETNISMO-jn 16 kaj 17)! La vaskoj insistis pri demokratia elekto de la prezidento fare de la elektitoj de 15.06.77 kaj ... ili atendis longan tempon. Nun ili fakte ne havas prezidenton "graco de la reĝo"; fakte neniu reĝa dekreto eknomis lin, sed nun ili havas prezidenton "laŭ la graco de Felipe González kaj Adolfo Suárez"! Rubial malkaŝis, en la menciita intervjuo, ke antaŭ la alternativo ĉu prezidi Eŭzkadion, ĉu prezidi la socialistan partion, li elektus la duan taskon! Espereble li neniam trovos sin en la situacio de elektodevo.

Kaj E.T.A.? Ĝi depost sia fondiĝo disbranĉiĝis tiom da fojoj ke ne plu eblas paroli pri LA E.T.A.. Ekzistas iuj grupetoj kiuj plubatalas favore al suverena Eŭzkadio, ne fidante la nunan pacan procezon direkte al aŭtonomio. Tiuj E.T.A.-anoj plurabas, eksplodigas kaj mortigas, supozeble ne kompreninte ke ja okazis esenca pliboniĝo post la morto de Franko ...

* * * * * * * * * * *

# LERNEJO POR KAJUGOJ

Malgranda revolucio okazas en la Ses-Nacia Rezervejo ĉe la Grand-rivero en Ontario, Kanado. Tiu ĉi rezervejo estas la plej granda el ĉiuj Ses-Naciaj Rezervejoj, ĝi ampleksas 45.ooo akreojn kaj enhavas preskaŭ 14.ooo civitanojn. Personoj el ĉiuj Ses Nacioj loĝas sur tiuj ĉi terpecoj starigitaj en la malfrua 18-a jarcento.

Depost 1924 la teritorio estas sub regado de la Fako pri Indianaj Aferoj kaj Norda Evoluigo. Tiujare la kanada registaro perforte okupis la terpecojn kaj kreis "balotadan" sistemon de regado. Dum la nun pasintaj 54 jaroj ekzistis daŭra lukto por reveni al la antaŭ formo de regado. La FIANE invadis, en tiu teritorio, ĉiun aspekton de la vivo: Socialaj aferoj, loĝejoj, ŝoseoj kaj - kompreneble - edukado, ĉio estas sub aŭspicioj de tiu FIANE. En la kampo de edukado, do, okazis nova rezisto.

Kiel multaj indiĝenoj, ankaŭ la Kajugoj maltrankviliĝis pli kaj pli pro tio kio okazas al iliaj infanoj en la ne-indianaj lernejoj. Plej forta estas la maltrankviliĝo en la kampo de la l i n g v o. En somero 1977 ili decidis postuli pli da emfazo pri la kajuga lingvo en tiuj kanadaj lernejoj, en kiuj lernas iliaj infanoj. La kanada respondo estis burokrata trompo: Oficialuloj venis kaj foriris, kaj baldaŭ evidentiĝis ke Kanado ne intencas transpreni la responson. Jen la gepatroj decidis starigi propran lernejon.

En septembro 36 kajugaj infanoj forlasis la kanadajn lernejojn. La gepatroj transformis manĝaĵo-vendejon en lernejon, kaj ok patrinoj nun instruas sur volontula bazo, aliaj komunumanoj helpas laŭ siaj ebloj. Ne temas pri romantika aŭ idealista paŝo, sed ago cele al la daŭrigo de la Ses-Nacia vivmaniero. Ĉiuj scias ke ili frontas severajn realaĵojn, sed ili ne vidas alian rimedon, se ili deziras pli bonan vivon por siaj infanoj.

Dekomence la bezonoj de la lernejo estas grandaj. Nigra tabulo, arto-provizoj, magnetofonoj, papero, krajonoj ktp. estas bezonataj. Ĉi-printempe la lernejo volas entrepreni projekton de acero-sukero, sed ili bezonas la necesajn ilojn.

Kontaktu kaj helpu tiun lernejon, se vi volas ion praktikan fari por minacataj etnoj. Jen la adreso:

Cayuga Language and Culture School
c/o Clara Powless
R R # 2
O H S W E K E N, Ontario, Kanado

---

ASOCIO INTERNACIA POR LA DEFENDO DE LA MINACATAJ LINGVOJ KAJ KULTUROJ
(A.I.D.M.L.K.)

La ĉi-jara kongreso de la **ASOCIO INTERNACIA POR LA DEFENDO DE LA MINACATAJ LINGVOJ KAJ KULTUROJ** okazos en B A R C E L O N O de la 22-a ĝis la 25-a de julio 1978. La organiza komitato havas jenan adreson: Jordi Pou Vidal, carrer Amigó 28, Barcelona - 6, tel.: 228 71 3o. La 26-an de julio la kongresanoj povos sekvi inviton de la registaro de Eŭzkadio por viziti tiun regionon. Detaloj sekvos ...

---

**ETNISMO** INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D-519o Stolberg 8 (FRG), tel.: 49-24o2-72336, poŝtĝirkonto: 232612-3o6 Hannover.

ETNISMO aperas 3 fojojn jare. Tiu ĉi estas la unua numero de 1978.

JARABONO (kalendara jaro): 8,-- gm (aŭ 12 internaciaj respond-kuponoj).

Nepre ne sendu ĉekojn sen interkonsento kun la eldonanto! Evitu bankajn ĝirojn el eksterlando, ĉar la banko kutime subtrahas siajn kostojn el la ĝiraĵo!